[G H

Gaja

Haveno | 40

Porto Alegre, RS, Brazilo
Marto/Aprilo 2019



# La ludo alvenas al la fino

# Gaja Haveno

Redaktas César Dorneles Soares
dornelespoa@gmail.com
Eldonoj sur interreto: www.esperantors.net.br

## Uverturo

**Registaro de Ĉinio plej apogas Esperanton |** "La registaro de Ĉinio estis kaj estas ĝenerale pli helpema al Esperanto kaj esperantistoj ol aliaj landaj registaroj. En Ĉinio la landa registaro subtenas la eldonadon de revuoj kaj magazinoj. Oni povas legi, aŭdi kaj vidi Esperantajn dissendojn ĉiutage per www.espero.com.cn. La registaro dungas multajn homojn (eĉ eksterlandanojn) por uzi Esperanton en sia ĉiutaga laboro. Kiom da aliaj landaj registaroj elspezas tiom da  mono por subteni la uzon de Esperanto?" (Ronald J. Glossop, usona profesoro, en sia artikolo *Kial Ĉinio estas fekunda kampo en la instruado de Esperanto*.)



**Seksista Darwin |** La intelekta diferenco inter viroj kaj virinoj estas demonstrata pro tio, ke la viroj restas supera en ia ajn tasko kiun ili prenas sur sin, kiel la profundan pripensadon, la rezonadon, la imagon kaj la uzon de la sencoj aŭ mankapabloj - asertis Charles Darwin, en Pt *A Origem do Homem e a Seleção Sexual* (*La Deveno de la Homo kaj la Seksa Selektado*). Por li virinoj estis malpli evoluiĝintaj... ●

**Laboro kaj teknologiaj antaŭeniroj |** *Eble en la 21a jc, la popolaj ribeloj estos direktataj ne kontraŭ iu ekonomia elito kiu ekspluatas personojn, sed kontraŭ la ekonomia elito kiu ne plu bezonas ilin. Estas pli multe malfacile lukti kontraŭ sengraveco ol kontraŭ la ekspluatado*, asertas lhistoriisto Yuval Noah Harari en sia libro portugallingve *21 Lições para o Século 21* (Companhia das Letras, R$ 54,90). La amasa anstataŭigo de laboristoj pro teknologiaj antaŭeniroj povas, laŭ la aŭtoroj, ĵeti la mondon en la kaoson. (Fragmento de la recenzo pri la libro publikigita en la revuo Ler&Cia jan/feb 2019) ●

LIBROJ

# ◢La plezuro legi surpapere

En YouTube estas portugallingva kanalo nomata *Manual do Mundo*, kies celo estas instrui sciencon pere de amuza kaj facile komprenata maniero. Ĝi estis kreita de la paro **Mariana Fulfaro** kaj **Iberê Thenório**, kiuj loĝas en San-Paŭlo. La kanalo, kiu ekzistas jam de pli ol 10 jaroj, egsukcesas interrete: ĝi havas 11 milionojn da sekvantoj kaj preskaŭ 2 miliardojn da rigardoj! Akorde kun *Guinness World Records*, ĝi estas la plej granda kanalo pri scienco kaj teknologio portugallingva.




Ili jam lanĉis du librojn pri la temo kaj la pli nova titoliĝas *Dúvida Cruel* (*Kruela Dubo*) kaj pro ĝi Mariana Fulfaro estis intervjuita de la revuo *Ler & Companhia*, en kiu ŝi asertis, ke ŝi preferas legi paperlibrojn, malgraŭ la granda aktiveco en la virtuala mondo: *Ni kredas, ke legi sur tabulkomputilo aŭ poŝtelefono kaj legi sur papero*

▶

**tri |**

# ◢Juvenalo legas ĵurnalon

Multo pri la "deficito"
en la Sociala Asekuro,
nenio pri la impostevitado
kaj miliardaj ŝuldpardonoj...



*estas tute malsimila afero. Mi mem kiam mi estas leganta sur poŝtelefono, mi devojigas la fokuson al aliaj aferoj. Eĉ se estas interrilato kun tio kion mi legas. Sed kiam mi legas paperlibron, mia atento restas tute sur ĝi kaj mia imago foriras en la historion. Krome estas la ravo preni libron sur la manon kaj vidi la ilustraĵojn, la grafikaranĝon, la malsimilajn teksturojn de kovriloj kaj folioj. Estas tre magia afero!* (C.D.S) ●

# ◢Kafpaŭzo



César Dorneles

**Se dependus** de mia patro, mi estus Grêmio-ano ĝis hodiaŭ kaj mia frato, Internacional-ano... Sed kiam mi atingis la adoleskantaĝon mi mem elektis mian futbalklubon por apogi: Sport Club Internacional (1906). Nuntempe krom Internacional, en mia koro de fano ankaŭ troviĝas spaco por Liverpool Foot-ball Club (1892) kaj Società Sportiva Calcio Napoli (1926). Ho jes! Mi sekvas modernan tendencon en kiu futbalaj fanoj ie ajn ne restas tiel fidelaj kiel en la pasinteco, laŭ artikolo de la ĵurnalisto Nirlando Beirão en CartaCapital de 16/jan - *Réquiem para o torcedor fiel*.



Laŭ li tio ŝuldiĝas al la tutmondiĝo de la sporto danke al iu ega eksponado sur la TV de aliaj futbalkonkuroj en la mondo, precipe en Eŭropo, se ne paroli aliflanke pri la malalta kvalito de la praktikado de futbalo nuntempe en Brazilo, kun multe da faŭloj kaj malmulte da steluloj, kiuj brilas eksterlande. Nirlando mencias la penson de Alan Tapp, profesoro pri merkatumo de British Business School: *la amo al la teamo eble ne ŝanĝiĝis sed la intenseco jes.*

**La kolektivismo** postulas moralan sintenon sufiĉe altan por ke oni ne cedu al la tento de la potenco per la potenco kaj la kreo de kasto el privilegiuloj, kiel okazas en kapitalismo, ĉefe en ties novliberala versio, samkiel okazis en la t.n. socialigaj *revolucioj*. La kolektivismo postulas iun renovigitan homon sub la spirituala vidpunkto – malpli individuista kaj pli inklina al la zorgumo pri la homkolektivaj necesoj. Ĝi tute ne kreos la Novan Homon sed la kontraŭo.

**Antaŭ nelonge** mi legis *O Melhor do Cortella* (186 paĝoj, eldonejo Planeta), arigon de fragmentoj el tekstoj verkitaj de Mario Sergio Cortella, tra 30 jaroj kiel verkisto. Filozofio, politiko, religio, scienco kaj arto estas fokusataj en tiu unua volumo (estos aliaj du). Iu ekzemplo: *Nia vivmaniero en la Okcidento estas en krizo kaj kelkaj elstaraj demandoj elmergiĝas: la kompreno pri nia graveco, nia loko en la vivo, kio validas kaj ne validas, kio estas la propra senco de la ekzisto.* ●

TELEVIDO

# ◢Game of Thrones: lasta sezono



La 14an de aprilo komenciĝos la oka kaj lasta sezono de *Game of Thrones* (*Ludo de Tronoj*), plensukcesa televidserio de HBO kiu furoras tutmonde ekde ĝia debuto en 2011. Ĝi estis bazita sur A Song of Ice and Fire (*Kanto de Glacio kaj Fajro*), serio da fantastaj romanoj verkitaj de George R.R. Martin, kies unua volumo estis lanĉita en 1996. La adapto al la televido jam gajnis rekordan nombron da preskaŭ 50 Emmy-premioj.

*Game of Thrones* estis filmita en belfasta studio kaj lokoj en Nord-Irlando, Malto, Skotlando, Kroatio, Islando kaj Maroko.

**kvin |**

*Situata en la fikciaj kontinentoj de Westeros kaj Essos, la serio centriĝas sur la Trono el Fajro de la Sep Regnoj kaj disvolvas intrigon de aliancoj kaj konfliktojn inter nobelaj dinastiaj familioj, ĉu konkurante por rajtpostuli la tronon ĉu luktante por ties sendependeco*. (Wikipedio portugallingve)

En oficiala reklamvideo pri la lanĉo de la fina sezono, videblas scenoj en kiuj Jon Snow (Kit Harington), akompanata de Sansa (Sophie Turner) kaj Arya (Maisie Williams), iras tra koridoro en la kripto de Winterfell kaj antaŭ statuoj de la forpasintaj Lyanna, Catelyn kaj Ned Stark, ili aŭdas iliajn voĉojn pere de kiuj Jon Snow povas sciiĝi pri gravaj aferoj rilataj al sia origino. (C.D.S) ●

---

**Fontoj:** https://pt.wikipedia.org/wiki/Game_of_Thrones
https://eo.wikipedia.org/wiki/Ludo_de_tronoj
https://entretenimento.uol.com.br/noticias/redacao/2019/01/14/game-of-thrones-8-temporada-ganha-data-de-estreia.htm



## Onidire



La nura afero pli malbona ol mensogulo estas hipokrita mensogulo. **(Tennessee Wiliams)**

La edukado estas la plej potenca armilo por ŝanĝi la mondon. **(Nelson Mandela)**

La scio kaj la racio parolas, la malscio kaj la eraro krias. **(Arturo Grat)**

La paraŝuto estas la nura *veturilo* kiu kiam ĝi misfunkcias, ĝi alvenas plirapide. **(Max Nunes)**

## Matilda

La nura afero kiu ne plaĉas al mi en *Ludo de Tronoj* estas tiuj teruraj drakoj! Ho ve!



Iutage li sendis florojn al la edzino de la najbaro. Venonttage la najbaroj sendis florojn al li. **(Max Nunes)**

Neniu estas pli aroga, agresema kaj malestima kontraŭ la virinoj ol viro necerta pri sia propra vireco. **(Simone de Beauvoir)**

Ni devos anstataŭigi la belecon, kiu estas kultura koncepto, por la boneco, kiu estas humanista koncepto. **(Philippe Starck)** ●

# ◢Leksiko



## Adekvata/ konvena/ taŭga/ trafa

***Adekvata*** *signifas* (a) *klare kaj tute ampleksanta ĉiujn karakterojn de la objekto: klara difino;* (b) *ĝuste konforma al la cirkonstancoj* (PIV): *adekvataj preparoj, instrukcioj.*

***Konvena:*** *el la verbo konveni = esti konforma al tio, kion postulas la situacio, la reguloj, la moroj* (PIV): *ruĝaj ŝuoj por funebro estis ne tre konvenaj* (Z). *Ili metis la piedojn sur la tablon, ĉar ili opiniis, ke ĉio estas konvena por ili* (Z).

***Taŭga:*** *tia, ke ĝi taŭgas. El la verbo taŭgi* = (a) *esti bona por io, uzebla por ia celo tia, ke ĝi taŭgas;* (b) *havi Ian valoron, povi esti uzata: (c) havi kapablon por io* (PIV)*. E. montriĝis kiel lingvo taŭga en ĉiuj rilatoj. La supervivo de la plej taŭgaj laŭ la darvina teorio.*

***Trafa:*** *tia, ke ĝi ĝuste atingas la celon* (PIV): *trafa respondo, argumento, demonstro.*

**sep |**

## Palavro

Vorto kiu signifas en E-o *interkonsiladon, longegan diskuton laŭ afrikaj moroj* (PIV): *ofte la kunsido de la Parlamento similas al eternaj palavroj*. Palavri = *senfini paroladi, en diskuto* (PIV). Kurioze aliflanke la portugalaj *parlar*, *parol(e)ar* havas la signifon de *paroli multe*, *esti babilema*, kiel sinonimoj por *tagarelar* (Aurélio). ●



# ◢Humuro

Agentoj de CIA kaj FBI ricevis la taskon aliĝi al E-Societoj kaj aktivi en ili. Post nelonge oni forlasis la komunisman teorion por koncentriĝi sur la kontaktoj kun la usona mafio. Unu agento post la alia povis raporti, ke oni senkaŝe paroladas pri *nia afero*, kiu laŭ FBI-a E-usona vortaro tradukiĝas al *cosa nostra*, la esprimo, kiun la usona mafio uzas por siaj interrilatoj. ●

> Anekdoto menciita de **Aleksandro S. Melnikov** en la eseo Reflektiĝo de la specifa Esperanto-kulturo en publicistiiko, en la libro *La Arto labori kune: festlibro por Humphrey Tonnkin*. Aperinta originale en la intereta gazeto *Male*.




**En Usono**, kie la disvendado de armiloj al la enloĝantaro estas tute libera, la nombro da mortigoj estas 25foje pli granda ol tiu de aliaj disvolviĝintaj landoj. Laŭ datumoj de Instituto Brasileiro de Ciências Criminais (*Brazila Instituto pri Kriminalaj Sciencoj*), la risko de la armatoj esti mortigitaj okaze de rabo estas 56% pli granda.

**En Tubarão**, SC, ĉe la ŝoseo BR-101, estas bierejo nomata *Biero*.

**La unua ambulanco** de la Historio estis kreita en 1792 de la kuracisto de Napoleono Bonaparto por forigi vunditajn soldatojn el la batalkampoj. Dominique Jean Larry muntis skipon de stiristoj, kirurgoj kaj portantoj de veltolaj litoj. La ambulancoj estis uzataj unuafoje dum la invado de Napoleón al Italio en1796. (el la revuo Alô Olá)

**Ĉina ideogramo** por *viro* aspektas kiel figuro kun du kruroj; tiu por *virino,* iu homo portanta ion.

**La rentkoncentriĝo** en la mondo pligrandiĝas pli kaj pli. La nombro da miliarduloj duobliĝis ekde 2008 dum la duono de la  pli malriĉaj enloĝantoj en la mondo suferis en 2018 redukton de 11% en ĝiaj riĉaĵoj.

**Onidire** la nombro da miliarduloj duobliĝis ekde 2008 dum la duono de la  pli malriĉaj enloĝantoj en la mondo suferis en 2018 redukton de 11% en ĝiaj riĉaĵoj.

**Laŭ esploro** diskonigita en brita retejo *Littlewoods*, infanoj starigas ĉirkaŭ po 300 demandoj tage.



**Letero de Duko de Caxias**, komandanto de la  brazilaj trupoj en la t.n. Milito de Paragvajo (1864-1870), al la imperiestro Pedro la 2a, sugestas la alĵeton de kadavroj infektitaj de ĥolero en la riveron Paranao por kontamni la malamikojn! ●